# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

15-a jaro (Numero 3) 1936.

Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj).

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktoro:** E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. **Winschoten** (Nederlando).
**Administranto:** P. KORTE. Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
**Prezidanto de TAGE:** Dro Bj. BECKMAN, Konstapelsgatan19 Karlskrona, **Svedujo.**
**Sekretario:** K. H. SPORTEL. **Nieuw-Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
**W. H. MOOK.** Nassauplein 15a. **Groningen** (Nederlando).

## Pri infankursoj.

Nia angla samideano s-ro Douglas Boatman antaŭ nelonge en „Heroldo de Esperanto" atentigis pri tio, ke la Esperantistaro tro malmulte okupas sin pri Esperanto-kursoj por infanoj. En tio li tre pravas, ĉar ĝuste per la infanoj ni certigas al ni pretan avangardon por la venontaj jaroj. Kaj krome, infanoj feliĉe ne kiel la plenaĝuloj havas centojn da antaŭjuĝoj kaj tuj komprenas kiel necesa nia neŭtrala lingvo estas ankaŭ por ili, kaj ke ili mem per ĝi tre baldaŭ povos havi grandan utilon. Ili tre rapide povas lerni nian lingvon, ĉar ili estas alkutimiĝintaj al lernado, kaj iliaj freŝaj cerboj rapide ensuĉas la relative facilajn regulojn.

Multaj fervoraj geinstruistoj entuziasmigis „siajn" infanojn kaj ŝatus komenci Esp.-instruadon, sed pro manko de lerniloj speciale taŭgaj por infanoj (tiajn la plej multaj landoj ne posedas) oni ne povis efektivigi sian deziron. La Cseh-metodo estas aplikata kaj -ita de kelkaj, sed multaj punktoj en ĝi ne tre taŭgas por infanoj (mi citu nur la plej ŝatatan vorton en ĝi „ami"), guste ĉar ĝi celas la menson de la plenaĝuloj. S-ro Cseh ja verkis sian metodon kun enhavo nur por tiuj, kaj ne por infanoj.

La konata Cseh-instruistino kaj eminenta pedagogo F-ino M. Saxl (Berlin) dum la lastaj jaroj ofte ukupis sin pri tiu grava problemo kaj instruis Esperanton en treege multaj infankursoj. Interkonsente kun S-ro Cseh ŝi kreis nun la specialan Cseh-kurson por infanoj. Ĝi estas ĉiurilate adaptita al la infana menso. Ŝiaj ege sukcesplenaj infankursoj en Nederlando antaŭ nelonge pruvas, ke ŝi fine trovis la ĝustan vojon al la infanoj.

En la venonta somero ŝi gvidos en Helsingor i.a. preparan kurson por Csehmetodaj instruistoj (26 Julio—5 aŭg. en la Internacia Altlernejo, Helsingor, Danlando. Prospektoj haveblaj ĉe Dana

Esperanto-Instituto, Thyrasvej 15, Aabyhoj, Danl.) kaj dediĉos parton de tiu kurso al preparo de instruistoj, kiuj volas gvidi infarkursojn laŭ adaptita Cseh-metodo. La temoj de tiu parto estas jenaj :

1. Aranĝado de infankursoj.
2. Aplikado de la metodo.
3. Praktikaj provekzemploj.
4. Psikologiaj konsiloj al instruontoj.
5. Raporto pri sperto.
6. Diversaĵoj.

Mi deziras atentigi ĉiujn geinstruistojn pri tiuj kursoj, ĉar estas tre grave, ke kiel eble plej multaj infanoj lernu nian lingvon, kaj ke la instruistoj por tio havu la plej taŭgan metodon. Mi esperas, ke multaj diverslandaj instruistoj kaj samideanoj venu al Helsingor, Danlando, por konantiĝi kun la sukcesplena Cseh-metodo por plenaĝuloj kaj por infanoj, kaj samtempe ĝui malmultekostan ferion en tiu belega regiono apud la maro kune kun multaj diversnaciaj samideanoj.

L. FRIIS, instruisto,
Aabyhoj, Danl.

N.B. TAGE pripensas aranĝi karavanon el Nederlando al Helsingor. Oni tuj anoncu ! Kostoj ± f 55.— (por loĝo, manĝo, kurskotizo kaj vojaĝo kaj tranokto en Hamburg.

Adreso : P. KORTE,
Schoolstraat 13, Veendam.

---

Nederlandaj anoj atentu : La adreso de la kasisto de la *nederlanda* sekcio de nun estas : Sro M. van Mullem, *Ophemert*, poŝtĉekkonto 192044. Oni pagu nur per ĉi tiu konto.

---

# Korespond-listo.

F-ino K. Hancock instruas Esperanton al ses knabinoj, kiuj volas korespondi kun alilandaj knabinoj. Prefere ili interŝanĝus poŝtkartojn. Ili estas lernantinoj en popollernejo, kaj havas la aĝon de 12—13 jaroj.

Adreso : F-ino K. HANCOCK,
4 Shelldale Road,
Portslade.
Sussex
Anglujo.

Sciigo : Por la libro-rubriko ne estis sufiĉe da loko. En la sekvonta numero ĝi aperos.

# Nederlando.

La ĉefestraro de P.T.T. petas, ke ni atitentigu pri:

Internacia Esperanto-kurso por la geoficistaro de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono en Arnhem, 6—16 Julio 1936. S-ro Andreo Cseh gvidos la kurson.

La kursanoj povos loĝi en la hotelo de la Esperanto-Domo. Adreso por aliĝoj kaj informpetoj: Internacia Cseh. Instituto de Esperanto, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando.

La Ĝen. Direkcio de la Nederlanda P.T.T. decidis doni al la partoprenontoj 6-tagan ekstran libertempon. Invitleteroj al la P.T.T. direkcioj de ĉiu lando estas jam dissenditaj de la Nederl. P.T.T. direkcio, tra la Univ. Poŝta Unio en Bern.

---

# ESPERANTO-DOMO, Arnhem.

(Esperanto-laan 3. — Telefono 26060. — Atingebla per tramlinio 1, haltejo Huygenslaan).

## Libertempado de britaj geesperantistoj

**en la Esperanto-Domo en Arnhem, 25 Jul. — 1 Aŭg. 1936.**

Dum la supre indikita tempo en la Esperanto-Domo libertempos societo de britaj geesperantistoj. Ilian vojaĝon organizas la *Brita Esperantista Asocio* (142 High Holborn, London W.C.I.), kiu donas detalajn informojn kaj akceptas la aliĝojn.

## Kurso pri la „Esperanta literaturo".

**Arnhem, 25 Jul. — 1 Aŭg. 1936.**

Ĉi tiun kurson gvidos s-ro *Sigismundo Pragano* el Bukureŝto (Rumanujo).

La kotizo estas 4.— guldenoj.

## Internacia perfektiga kurso

**Arnhem, 3-8 Aŭgusto 1936.**

La kurson gvidos *Andreo Cseh.*

**Kotizo** por ĉiuj lecionoj, prelegoj kaj amuzaj aranĝoj: 6.— guld. Komuna kotizo por la perfektiga kurso kaj seminario: nur 10.— guld.

## Seminario por Cseh-metodaj instruistoj

**Arnhem, 10-15 Aŭgusto 1936**

**Kotizo** por la Seminario kaj ĉiuj alligitaj aranĝoj: 6.— guld. Komuna kotizo por la seminario kaj perfektiga kurso: nur 10.— guld.

## Internacia rondvojaĝo tra Nederlando

**kun centro en Arnhem, 17-22 Aŭgusto 1936.**

Je la invito de la *Nederlanda Fremdultrafika Unuiĝo,* la Cseh-Instituto. en kunlaboro kun la *Direkcio de la Nederlanda Ŝtata Fervojaro,* organizas unu-semajnan internacian rondvojaĝon tra Nederlando, je speciala tre rabatita prezo. La gastoj loĝos en la Esperanto-Domo en Arnhem, de kie ili forveturos ĉiumatene al alia parto de la lando, kaj vespere revenos.

## I n f o r m o j :

Ĉiuj kursoj, prelegoj kaj amuzaj aranĝoj okazos en la Esperanto-Domo. La kursanoj povos loĝi en la **hotelo de la Esperanto-Domo,** kie *plena pensiono* (komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj la tri manĝoj) kostas por unu tago kaj unu persono: en unu-lita ĉambro 3.50, eu du- ĝis kvarlita ĉambro 3.—, en kvin- ĝis dek-lita ĉambro 2.50 guldenojn. (La litoj estas apartigitaj per kurtenoj). Servmono: 10%.

Aliĝante oni sendu la kotizon kaj mendu la hotelon, pagante la pensionprezon por almenaŭ 2 tagoj.

**Adreso** por aliĝoj kaj informpetoj: *Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Riouwstraat 172, DEN HAAG, Nederlando. (Telefono: 556677. Poŝtĉekkonto: Den Haag 162626.)*

Estas konsilinde **baldaŭ aliĝi** pro la limigita nombro de la lokoj.

# Danujo.

## Pri kursoj en Danlando

Dum la lastaj jaroj nia movado treege disvastiĝis en Danlando. En urboj kaj en vilaĝoj okazis kursoj. La Esperantistaro estas relative granda, sed la „gravuloj" t.e. la ministaro kaj la radio ne multe atentas nin. Por servi al la progreso de Esperanto kaj por doni al eksterlandanoj favoran okazon viziti Danlandon, kie oni momente povas pasigi agrablan ferion tre malmultekoste pro la malalta valoro de nia mono, gesinjoroj Stig B. Skole, „KORNMOD", Silkeborg, aranĝos kursojn, en kiuj partoprenos homoj el multaj landoj.

De 3 Majo ĝis 31 Julio estos 3-monata kurso, kiu nur kostas 70 danajn kronojn aŭ 23 nederlandajn guldenojn. De la 10 ĝis 19 Julio kaj de 22 ĝis 31 Julio estas 10-tagaj kursoj, kiuj nur kostas po 40 kronoj aŭ 13 nedl. guldenoj.

En la kursoj instruos eminentaj instruistoj. Krom danoj instruos; prof. Collinson, Anglujo; prof. dro. E. Privat, Genéve; prof. W. Rerendsohn, Germanujo; s-ro A. Weide, Germanujo; s-ro de Waard, Nederlando; gesinjoroj Stellan Engholm, Svedujo; poeto Thorberggur Thordarson, Islando, kaj eble pli.

Silkeborg situas en la mezo de Jutlando inter arbaroj kaj belaj lagoj. Ĝi estas „La perlo de Danlando".

Eksterlandanoj! Vizitu la kursojn en Silkeborg en la venonta somero. Doni detalan priskribon de ĉio estas malfacile, sed skribu pri programo kaj detalaĵoj al s-ro Stig B. Skole. Internacia Lernejo Akademio „KORNMOD", Silkeborg, Danlando.

Dano.

---



---

## La sveda filmindustrio kaj la lernejoj svedaj.

Dum 15 jaroj laboris la Sveda Filmindustrio vigle por enkonduki la filmon en la svedaj lernejoj. La katalogo pri instrua filmo nun entenas 2800 nombrojn. La svedaj lernejoj ankaŭ uzas la filmon grandskale eĉ en la vilaĝaj lernejoj. Nun la svedaj filmoj trovis vojon ankaŭ al lernejoj en aliaj landoj. Pasintan jaron oni interkonsentis kun firmo en Newyork pri liverado de filmo al Usono. En la komenco 50 filmoj estis liverataj, sed baldaŭ la 50 filmoj estos 150. Nun la oficiala filmaro lerneja en Anglujo faris similan interkonsenton por la tuta angla regno. Do la sveda kleriga filmo eniros lernejojn ne nur en Anglujo sed ankaŭ en Hindujo k.t.p. Kompreneble tiu interkonsento pliriĉigos nian svedan filmarĥivon, ĉar ni ja povas ŝanĝi lernejajn filmojn.

Ĵus la hungara filmreĝisoro Paul Fejos revenis de Madagaskaro. Li tie filmadis por Sveda Filmindustrio kaj Norda Sonfilmo. 20000 metrojn de filmo li preparis. FRITIOF AHNFELDT.

# AL NIAJ MEMBROJ EN SVEDUJO.

Karaj kolegoj, vi devas absolute aliĝi al Svedujo SIEF. Neniu rezignu! Ĉu vi ne povas fari oferon de 3 kronojn, oferon kiu ne estas vera ofero sed gajno. Helpu nin trovi novajn membrojn! Sendu vian propran jarkotizon al la federacia poŝtĝira konto.

Aŭdu nian peton!!

---

# Hungarujo.

**Konkurso kun gravaj premioj por poetoj kaj arttradukistoj.**

Por ricevi unuarangajn tradukojn de kvar kantoj konataj kaj originalan esperanto-tekston por unu, Literatura Mondo elskribis publikan konkurson kun premioj de svfr. 130.— La premiitoj estos registritaj inter la tradukontojn kaj verkontojn de la tekstoj de gramofondiskoj, fabrikotaj en granda nombro de grava sveda firmo, kiu siatempe por ĉiu traduko pagos honestan honorarion. Detalojn pri ĝi sendas al ĉiu petanto *senpage* LITERATURA MONDO Budapest IX. Mester-u. 53. Hungarujo.

---

# AUSTRUJO.

**Al la ŝatataj geinstruistoj en ĉiuj landoj!**

Nia XXVIII-a Universala Kongreso de Esperanto en *Wien* estas antaŭ la pordoj!

*Venu la Esperanto-geinstruistoj el ĉiuj landoj al la 28-a Universala Kongreso de Esperanto en Wien*, kie la registaro al Esperanto estas tiel favora, kiel ĝis nun ne estis iu alia registaro de la mondo!!

Dependas nun de la intereso *kaj* kunlaboro de la *eksterlanda geinstruistaro*, ĉu nia laboro en Aŭstrio povos resti ankaŭ estonte sukcesplena por tut-Europo! ¡ Ĉar fakto estas, ke Wien situas meze en Europo kaj ke Wien estas ĉie ŝatata ne nur kiel urbo kun 2 milionoj da enloĝantoj, sed precipe kiel famkonata antikva kultururbo. Se E en Wien bonege antaŭeniras, tio estas gajno por la E-movado en mez-Europo, eĉ en tut-Europo!

Niaj E-geinstruistoj en Wien faros sian devon!

Vi, estimataj geinstruistoj en la eksterlando, sendu viajn plej fervorajn delegitojn el kvar- aŭ kvindek landoj al la 28-a!!

Turnu vin bonvole al la Loka Kongres-komitato en Wien (al s-ro registara konsilisto lernej-inspektoro Fritz Stengel)!

Rudolf Michael Frey,
ŝtate ekzamen. E-instruisto.

En Wien nia „Societo de E-instruistoj" regule unufoje dum la monato kunvenas. Okazas ĉiam dum la *labor*-kunvenoj altvaloraj prelegoj de eminentaj *Esperanto* fakuloj, ekz.: Kortega konsilisto lernej-inspektoro d-ro Wollmann, direktoro de nia ŝtata E-ekzamen-komisiono de la ministerio (la sola *tia* en la mondo!), kortega konsilisto lernej-inspektoro Scheuch, gimnazia profesoro d-ro Jokl ktp. La aliaj landoj agu same! R. M. F.

En Wien kalkul-konsil, Rud. Mich. Frey lumbild-paroladis dufoje antau 100 knabinoj de la ĉeflernejo en I., Stubenbastei, pri la Esperanto-emaj Svedlando, Danlando kaj Norvegujo, kie li antaŭ 5 jaroj estis farinta grandan propagandvojaĝon por Aŭstrio. 45 knabinoj (11—13 jaraj) kun 2 instruistinoj anoncis sin por E-kurso

---

# Germanujo.

## Kindergarten-seminarioj en Germanujo.

(Verkita de Elisabeth Feigenbutz, Karlsruhe, Germanujo.)

Post kiam infangardejoj kaj t. n. infanlernejoj jam ekzistis, Fröbel kreis la „Infanĝardenon" (Kindergarten). Li akcentis ne la socialan, sed la pedagogian flankon ; li ekkonis la specialan sencon de la edukado dum tiu aĝo kaj uzis la eblecojn donatajn per komuna edukado de pli malpli granda infanaro. La principo estis la flegado de la infana agemeco, kaj laŭ li la plej taŭga ilo por tio estas la ludo.

En la Komenco de la 4a jaro la infano ŝanĝiĝas, iĝas malpli dependa de sia patrino, serĉas pli vastan lokon por agi kaj sperti. Ĉu ĝi ludu sen gvidado en stratoj ktp. ? Kaj eĉ restadante en kampoj kaj herbejoj, ĉu ĝi povas daŭre, intense ludi ? Kaj ĉu la timema infano havigos al si siajn rajtojn ?

Dum tiu tempo la kindergarteno volas gvidi al tuta evoluo. La infano troviĝas en sia regno ; ludante ĝi lernas observi, ekkoni, diferencigi, eĉ konscie labori, sed sen difinita celo, ne kiel en lernejo.

Krome ĝi kutimiĝas venki egoismon, enordigi sin kaj helpi.

Kompreneble la kindergarteno devas funkcii en konsento kun la familio.

Ĉu en ĉio tio la kindergarteno sukcesas, tio dependas de la edukistino (kindergärtnerin). Tial de ŝi oni postulas jenon :

1e amo al infanoj, intereso je ĉio, kio koncernas la infanon ;
2e pedagogia talento ;
3e fakaj konoj, nome teoriaj, teknikaj, praktikaj.

Pro tio oni fondis seminariojn, kiuj instruas kaj edukas la estontajn „Kindergärtnerinnen".

Tiuj seminarioj havas multesperan programon.

Kondiĉoj por esti akceptata en la seminario estas :

1e aĝo de almenaŭ 16 jaroj ;
2e 6 klasoj da mezgrada lernejo ;
3e 1 jaro da mastrumado.

Ĝeneralan kleron en certa grado oni postulas kiel bazon ; ĝi ebligas pli bonan komprenon de ĉio, kio sekvas en instruado kaj en vivo. Knabinoj, kiuj ne aŭ ne sufiĉe longe frekventis mezgradan leruejon, devas fari akceptekzamenon sub kontrolo de la urba lernejestro.

Ili povas prepari sin private, aŭ partopreni la koncernajn leci-



# LA JUNULARO KAJ LA MONDPACO.

Ĉi tiu gazeto estis eldonata la unuan fojon kiel junulargazeto, okaze de la 18a de Majo, la Tago de Bonvolo, nur en Nederlando en 1928, por infanoj 10—14 jaraj. En 1929 aperis la franca eldono. En 1930 estis elektata internacia redakcio, kiu klopodas eldoni ĝin en kiel eble plej multe da lingvoj kaj landoj. En ĉiu eldono la teksto kaj la bildoj grandparte estas egalaj. Nun ĝi aperas en la lingvoj: nederlanda, franca, angla, germana, kimra, japana, malaja, ĥina, pola, sveda, kaj Esperanta.

Sub-komisiono por Infana Pac-legaĵo (el la komisiono por edukado de la Unuiĝo por Ligo de Nacioj kaj Paco). Prezidantino: Grafino Van Heerdt—Quarles, Bloemendaal; sekretariino: S-ino Romejn, Hago, Nederlando.

Oni povas ricevi ekzemplerojn de ĉi tiu esperantlingva pacgazeto, antaŭpagante al P. Korte, Schoolstraat 13, Veendam, Nederlando, poŝtĉekkonto 90544,
po respondkupono por ĉiu ekzemplero
po 1,50 gld. por 50 ekzempleroj.

## LA TUTMONDA RADIA MESAĜO DE LA KIMRA INFANARO.

„TAGO DE BONVOLO" 18 MAJO 1936.

GEKNABOJ EL LA TUTA MONDO! NI, LA GEKNABOJ DE KIMRUJO, SALATUS VIN TRANS LANDO KAJ MARO. NI VIN SALUTAS, EN ĈI TIU TAGO

DE BONVOLO, NOME DE LA ESPLORISTOJ, LA NAVIGISTOJ, LA PIONIROJ DE LA JARCENTOJ, KIUJ ELIRIS EN LA NEKONATON, KAJ KIUJ, POR NI, PLIVASTIGIS LA LIMOJN DE SCIO.

SUR OCEANO POST OCEANO, EN KONTINENTO POST KONTINENTO, ILI MALKAŜIS LA SEKRETOJN, AKCEPTANTE MALFACILON KAJ DANĜERON PRO TIO, KE ILI DECIDIS TROVI, KAJ NENIAM CEDI. NI ĜOJAS PRI ILI ĈIUJ, ĈU ILI JAM VENKIS, AŬ ĈU ILI NUN VENKAS LA NEEBLAN.

NI DO KUN LA SAMA ALTA SPIRITO ALIĜU POR LA PLEJ NOBLA CELADO EL ĈIUJ—LA CELADO AL PACO INTER ĈIUJ NACIOJ. KAJ NI HODIAŬ DEDIĈU NIN DENOVE AL ĈI TIU PLEJ GRANDA AVENTURO DE LA TUTA HOMARO. PER NIA AMIKECO KAJ PER NIA KURAĜO VENKOS ANKAŬ NI.

---

## Al niaj junaj legantoj.

Okaze de la tago de Bonvolo ni turnas nin al vi, gejunuloj de la tuta mondo pere de nia mondlingvo Esperanto.

Kial?

Ĉar: Se ni volas atingi diversnacianojn, ni devos uzi multajn diversajn lingvojn. Tio estas, kompreneble, tre, tre malfacila, eĉ neebla. Tion ni ja nur povos fari per nia komuna lingvo, la kreaĵo de la granda pacbatalanto, Dro Zamenhof. Feliĉe jam multaj junaj esperantistoj ekzistas en preskaŭ ĉiuj landoj.

Kaj ni volas, en ĉi tiu tago de Bonvolo, unue kaj precipe paroli al la junaj samideanoj. Ni volas demandi al vi, ĉu vi jam scias ke ekzistas en aliaj, fremdaj landoj, geknaboj, same kiel vi, kiuj scipovas la saman komunan lingvon? Ĉu vi jam korespondis kun ili, kaj ricevis de ili leterojn, en kiuj ili al vi rakontas pri siaj hejmoj, siaj gepatroj, siaj ĝuoj kaj deziroj? Se jes, tiam vi scias ke tiuj amikoj, kvankam ili loĝas en malproksima, fremda lando, amas siajn gepatrojn, siajn gefratojn, same kiel vi, kaj ke ili ploras, kiam unu el ili suferas. Vi legos, ke ili havas varman amon al la Patrolando kaj ili skibas al vi ke ili tre ŝatas vivi tie pace. Ankaŭ vi deziras tion, kaj ĉiuj, malgrandaj kaj grandaj homoj, devos zorgi, ke ĉiuj povas vivi pace, ĉie en la tuta mondo.

Vi havas multajn geamikojn, kaj vi ja ne volos ke unu el ili suferas pro malbona ago de vi. Esperantistoj ja estas nur pacaj

batalantoj, kaj se en la tuta mondo, ĉiuj infanoj volas doni al si reciproke la manon, la mondo mirinde rapide ĝuos belegan pacon.

Al vi, gejunuloj, ni turnas nin kaj petas vian bonan volon. Vi ja ankoraŭ povos multe fari; vi estos la „grandaj" homoj de la estonto. Zorgu, ke vi havos multajn geamikojn. Per esperanto vi povos atingi tion. Diru al viaj samlandanoj ke ili devas lerni nian lingvon kaj korespondi kun la infanoj en aliaj landoj. Tiel vi, junaj, kaj malgrandaj homoj povos helpi en la paclaboro, jam nun, per via bona ago, per via Bonvolo.

Ni „grandaj" homoj ne solaj povas ŝanĝi la mondon. Ni kalkulas je vi.

Aŭdu nun, kion la nederlandaj geknaboj volas diri al ĉiuj geknaboj en la tuta mondo: „Ni esperas, ke ĉi tiuj malfacilaj tempoj rapide forpasos kaj ke ĉiuj landoj baldaŭ prosperos kaj interrilatos en paco.

Laboru ni, en bona volo, nur por la celo: „la Paco", kiu ja tiel beligos la mondon.

Ni ne perdu la kuraĝon kaj ni donu ekzemplon al tiuj, kiuj kredas, ke neniam Paco regos ĉie.

Ni decidu, en la Tago de Bonvolo, ke ni helpos unu la alian por efektivigi nian komunan celon kaj ŝanĝi la mondon."

P. K.

---

# Palaco el „Mil kaj unu nokto".

En fabeleca ĉirkaŭaĵo stariĝis belega palaco. Meze en rava parko kun multjaraj arboj. Kolosa, brile blanka konstruaĵo, kontraŭ fono de arboj kaj altaj montoj kaj tuj apud lago, helblua kaj smeralda, kun violkolora kaj arĝenta rebrilo. Maldekstre kaj malproksime situas bela, trankvila urbo. Aroj da cignoj balanciĝas sur la bluaj ondoj, super kiuj sennombraj mevoj ŝvebas kaj dum festotagoj el ĉi tiu lago ŝprucas, ĉirkaŭata de brilega ĉielarko, la plej granda kaj alta fontano el la tuta mondo.

Sub multe da pitoreskaj pontoj fluas ŝaŭmanta rivero el tiu lago; iom pli malproksime ĝi subite malaperas en mistera abismo inter altaj rokoj kaj reaperas nekompreneble, mejlojn pli poste, el aliaj rokoj.

Vaporŝipoj al — kaj reveturas; koloraj, malproksimaj ŝipetoj kun grandaj veloj kiel flugiloj de papilioj, siluetiĝas kontraŭ la bluetaj montoj kaj tranĉas la ŝaŭmantajn ondojn.

Seninterrompe tie laboris pri tiu palaco, dum kvin jaroj, 500 laboristoj el dek diversaj nacioj. La planoj estis farataj de 5 arkitektoj: 2 francoj, 1 italo, 1 hungaro kaj 1 sviso.

La palaco kostis al la 50 nacioj, kiuj kune konstruigis ĝin, 12 milionojn da nederlandaj guldenoj.

Tamen ĝi nek konsistas el multekosta marmoro, alabastro aŭ kristalo, nek la tegmento estas kovrita de orumitaj aŭ kupraj platoj . . . . Ne, tute ĝi estas moderna konstruaĵo, adaptita precize al sia celo kaj starigita el armita betono. Sed la fasadon oni konstruis el ŝtono.

Ĝi nombras 1700 pordojn, 1650 fenestrojn, 21 liftojn, 950 telefonaparatojn, 250 kilometrojn da elektra kondukilaro, 24 pumpilojn (pro bruldanĝero) 9000 lampojn, 13 grandegajn ventolilojn, kiuj havigas po 4000 kub. metroj da freŝa aero por minuto, 57 kilometrojn da kondukilaro por akvo kaj centra hejtado, 668 lavejojn el blua kaj blanka marmoro, 1900 radiatorojn — kaj 2300 kv. metrojn da linoleumo.

Por krome ornami ĝin plej eble brile, tamen jam 20 diversaj landoj proponis la plej riĉajn donacojn — same kiajn en la pratempo reĝo Salomono ricevis por sia templo — kaj same kiajn donacis multaj landoj al la Pacpalaco en Hago.

Dudek aliaj landoj baldaŭ sekvos tiun ekzemplon. El ĉiuj anguloj de la tero ili alportiĝis: la plej belaj lignoj, ege belaj mebloj kaj tapiŝoj, borderitaj silkaj ŝtofoj kaj kurtenoj, murpentraĵoj, cizelitaj feraj kaj kupraj pordegoj, antikvaj statuoj, k.t.p., k.t.p. Tro multe por ĉion nomi.

Por kiu reĝo oni konstruis tiun fabelecan palacon? Kie ĝi troviĝas? Kaj ĉu ne estas tre malfacile akiri enirpermeson?

Estas granda honora por la infanoj el Svisujo, ke ili vidas konstruata ĉi tiun palacon en sia lando, en Genève — same kiel por Nederlando estis granda honoro kaj pruvo pri fido de ĉiuj landoj, ke en 1913 en Hago, la Pacpalaco konstruiĝis.

Ĉiu povas viziti tiun palacon en Genève. Post nelonge ĝi fariĝos la hejmo de la Ligo de Nacioj — kaj iom post iom la simbolo de ilia paca kunlaboro. Por tio, nenio ja estos tro bela aŭ tro multekosta . . . . . se nur la nacioj scias elekti saĝajn kaj bonajn virojn kaj virinojn, por tie labori laŭ plej efika maniero.

Karaj geknaboj, kune kun viaj gekamaradoj el la tuta mondo, ankaŭ vi tenas en viaj manoj la sorton de pli bona estonto.

Zorgu ke ĉi tiu plej granda Palaco de l' Ligo de Nacioj fariĝu la lulilo de la Mondpaco!

Tradukis: P. KORTE.

---

## Varma amo al la Patrolando kaj la Internacia Pacideo tre bone povas iri kune.

onojn dum la prepara kurso en la seminario mem. La fakoj estas ; germana lingvo kun literaturo, historio, geografio, naturscienco, kalkulado.

Mastrinaj kapabloj necesas, ĉar en familio aŭ en porinfana hejmo la edukistino devas prizorgi la infanon rilate ĉion Ankaŭ ili povas lerni mastrumadon alie kaj, se necesas, poste fari ekzamenon. Sed preskaŭ ĉiuj partoprenas la unujaran preparan kurson pri mastrumado, kiun okazigas la seminario ; en ĝi ili lernas ne nur kuiri, lavi, gladi, purigi, fari manlaborojn, sed ankaŭ pri nutraĵoj, librotenado, stenografio ili estas instruataj.

Jam dum tiu prepara kurso, la knabinoj helpas en kindergartenoj, kaj oni observas ilin por konstati, ĉu ili estos taŭgaj por seminario kaj profesio.

La instruado en la 2 seminariaj kursoj mem, kiuj daŭras 2 jarojn, ampleksas :

1e Teoriajn fakojn : psikologio - pedagogio - religio - instruo pri kindergarteno, pri porinfana tagrestejo (Hort) kaj infanhejmo (kinderheim) instruo pri junullegaĵaro - pri ŝtato kaj popola bonfarto - pri naturscienco - pri anatomio, sano kaj malsano.

2e teknikajn fakojn : gimnastiko kaj ludoj (jam dum la prepara jaro) Kanto kaj muziko (laŭvola elekto de muzikilo : piano, violono, gitaro, ktp.) manlaboro, precipe tolaĵoj kaj vestaĵoj por infanoj-desegno, eltranĉo, gluo, modlo, sego.

El eluzitaj kestoj kaj aliaj eluzitaj objektoj la lernantinoj faras la plej belajn ludilojn, veturilojn, vagonarojn, puplulilojn, pupĉambrojn, ktp. Ĉiu faras specialan ekzamenlaboron ; estas videblaj : Karuseloj kun aviadiloj, pupbanejo, pupdomo, stalo kun ĉevaloj el ligno segitaj, ĉe tuta vilaĝa bieno, k. sim.

3e praktikon : laboro en kindergarteno (2 antaŭtagmezoj semajne)
„ „ Hort (restadejo por la lernejinfanoj, 1 posttagm. semajne)
„ „ infanhejmo (refreŝigejo ktp., 4—6 semajnoj seninterrompe dum ferioj).

Kindergarteno estas kunligita kun seminario. Por praktiki en Hort, la lernantinoj iras en la urbajn „Horte".

Post la ŝtata ekzameno je la fino de la 3 jaroj la „Kindergärtnerin kaj Hortnerin" rajtas serĉi laboron en kindergarteno, familio aŭ infanhejmo. Kelkfoje ili ankoraŭ partoprenas kurson por flegado de suĉinfanoj, ĉar povas okazi, ke en familio ili devas prizorgi ankaŭ la plej junajn.

En nia provinco Baden ekzistas 300—350 infanĝardenoj kaj 6 Fröbelseminarioj ; el ili 4 estas katolikaj, 1 protestanta, 1 neŭtrala ; 5 estas privataj, 1 urba ; 5 havas pensionejon por la lernantinoj.

Kiu intencas iĝi „Jugendleiterin" (junulgvidantino, ne en partia senco, kvanham nun ili estu en iu nat. soc. formacio) tiu post la

menciita ekzameno devas praktike labori 3 jarojn, poste trai alian seminarion (Jugendleiterinnenseminar) dum 1 jaro. Jugendleiterin rajtas iĝi estrino de junul-kaj infanhejmo.

Se tiuj knabinoj pli malfrue edziniĝas, certe ili estas multe pli bone preparitaj ol tiuj, kiuj nur lernas manlabori kaj kuiri. Ili scias beligi la hejmon kaj, kio estas plej grave, eduki infanojn. Estas vere, ke eduka talento povas esti ennaskita ; sed ankaŭ artista talento devas esti ennaskita, tamen la artisto povas kaj devas multe lerni.

---

# Germana Migrado.

En Germanlando la junularo ŝatas migradi kaj oni subtenas ĉi tiun emon. Ĉie en la lando oni konstruas „Jugendherbergen" (junular-restadeĵojn) aŭ almenaŭ dormejojn por nura tranoktigo. Kiel„Herberge" oni ofte disponas malnovajn kastelojn, turojn, ventmuelejojn, oni ankaŭ havas naĝantajn H., (Hein Godewind — Henriko Bonavento) en Hamburg ktp. Kie ajn la pejzaĝo estas ĉarma aŭ historie aŭ geografe interesa kaj loga, ekstaras H. kun belaj helaj dormĉambroj, puraj lavejoj kaj komoda kunvenejo por vespera kantado kaj parolado. Fine, sed tute ne pli malgrave : Kuirejo, en kiu la hordoj (bandoj) kaj same solaj migrantoj mem povas kuiri. Gardisto (Hauswart) prizorgas administracion kaj ordigon. Ĉe li la migrantoj anoncas la alvenon kaj pagas la tre malaltajn kotizojn por la uzo de la ejo. Restado kaj vivo (nur por la daŭro de tri tagoj !) ĉiam estas ĝoja senzacio por la gejunuloj. Ĉiu gejunulo povas loĝi en la ejoj, kiu posedas la karton de lia junec-ofico. Ĝi kostas $^1/_2$ markon. Kaj kiamaniere favora estas la migrado kaj uzo de la ejoj : plenaj klasoj kun iliaj instruistoj vizitas malproksimajn partojn de ilia hejmlando, ; studentoj faras studveturojn, metiaj lernantoj feriajn ekskursojn, familiojn ; gepatroj kun infanaro utiligas la avantaĝojn de tiaj institucioj. Eĉ skoltoj el fermdaj landoj konas kaj valoras ĝin. En la daŭro de la lasta jaro tranoktis en 2000 germanaj „Herbergen" pli ol 6 milionoj da migrantoj ! Oni imagas la benon de la profundaj impresoj, kiujn ebligis vojaĝoj kaj restadejoj por la migranta junularo ! La fervojo donas gravan rabaton kaj faciligas tiamaniere la utilon de la aranĝo.

Sed la „Herbergs-" verko ne estas regna institucio, sed tute privata. La „Unuiĝo por germanaj junularrestadejoj" havas nun 142 000 membrojn. La nombro de la ejoj 2210. Kaj la varbanta jarlibro „Germana Migrado" atingis eldoncifron de 61.970 ekzempleroj. Inter la infanoj varbas la unuiĝo per „jarmontrilo", de kiu 1.000.000 estis venditaj.

Kiel la regno penadas subteni kaj helpi la aŭtouzon en Germanlando, same subtenas ĉi tiu unuiĝo la preskaŭ senkostan migradon, por ke ĉiu povas koni kaj ĝui la belaĵojn kaj propraĵojn de sia hejmlando.

Geo Schmidt.

---

# Japanujo.

## Esperanto kaj Internacia Societo por Virinoj en Japanujo.

„Kokusai-Sizyo-Sinzen-Kyokai" (Internacia Societo por Virinoj k. Infanoj) fondiĝis antaŭ tri jaroj, celante komprenigi Japanujon al eksterlandanoj kaj pliprofundigi internacian amikecon pere de la manoj

de virinoj kaj infanoj. Subtenate de multaj eminentuloj en- kaj ekster-landaj, la societo jam multe kontribuis al la celata kampo, malgraŭ ĝia mallonga historio.

En la societo oni starigis Esperanto-fakon en tiu ĉi Januaro, kaj traktas ĉefe jenajn aferojn.

1. Korespondado kun fraŭlinoj, samideanoj el ĉiuj landoj.
2. Okazigo de Esperantaj kurso, kunveno, ekspozicio ktp.
3. Eldono de gazeto, gvidlibro ktp., por konigi japanan kulturon.
4. Gvido kaj helpo de eksterlandaj vizit-ontoj kaj-antoj k.c.

Ankaŭ en la organo de la societo „Sekai to Zyosei" (Mondo kaj Virinoj) komenciĝis Esperanto-paĝoj por lernigi nian lingvon al la legantoj. (La societo volonte akceptos reciprokan interŝanĝon de la gazeto kun la eldonejoj kaj redaktejoj. Kaj individuaj esperantistoj, kiuj volas havigi al si la gazeton, sendu 1 respondkuponon al Yukiko Isobe Sekretariino de Esp. fako de Kokusai-Sizyo-Sinzen-Kyokai.

7-5, Ginza-Nisi, Kyobasi, Tokio
Japanujo.

**Esperanto anstataŭ Angla Lingvo en Japana Lernejo.**

Ĝis nun en Japanujo la angla lingvo estas rigardata kiel unua fremdlingvo por lernantoj. Sed de la lasta Aprilo, kiam nova lernjaro komenciĝis, S-ro Maruyama, lernejestro de la Sesa Knabina Liceo en Tokyo (Tokyo-Huritu Dai-6 Kôtô-Zyogakkô) enkondukis Esperanton kiel regulan lecionon por la unua-jaraj lernantinoj anstataŭ la angla lingvo, kaj malfermis novan vojon epokfaran por lingvo-instruado en Japanujo.

Ĉar la instruisto estas S-ro Yosi H. Isiguro, meritplena, agema pioniro de nia movado, sukceso de tiu nova Esperanto-klaso estas senduba. Jes, liaj lernantinoj jam montras mirindan progreson ekz. ludis eĉ teatraĵeton je la okazo de lastjara Zamenhofa tago.

Bonvolu kuraĝigi la gvidanton kaj lernantinojn per alsendoj de leteroj. kartoj kaj Esperantaĵoj, libroj, gazetoj, afiŝoj ktp.

Adreso: S-ro Yosi H. Isiguro,
Huritu Dai-6 Kôtô-Zyogakkô, Siba, Tokyo, Japanujo.

---

# Sovetio.

Karaj amikoj,

Ŝajnas, ke elekti la kajeron por lernanto estas tre facila tasko. Tamen, se ni pripensas pli detale, la problemo estas tute ne tiom simpla. Efektive, kiel devas esti liniitaj la kajeroj por ĉiu aĝo? Ĉu estas necesaj marĝenoj? kiaspeca devas esti la kovrilo? kia sorbopapero? k. c.

Estas multaj tiaj demandoj kaj pliparto de ili devas esti ankorau esplorataj. La grupo de instruistoj en nia lernejo decidis pritrakti tiajn problemojn, esplori nian sperton, kolekti la sperton de eksterlandoj kolegaj kaj provi ellabori la tipan kajeron por certa lernanto, por certa lernobjekto kaj por certa aĝo.

Ni tre petas vin helpi al ni en la afero kaj interŝanĝi kun ni per via sperto. Nin interesas:

1. Kia devas esti la kajero laŭ amplekso kaj dimensioj?
   a) eksteraj dimensioj;
   b) kvanto da folioj, por kiu lernobjekto, por kiaaĝa lernanto.
   c) ĉu la anguloj devas esti fortranĉitaj?
2. Kia devas esti la kovrilo de la kajero?
   a) ĉu kompakta papero aŭ maldika kartono, vakstolo, kompakta kartona kovrilo aŭ ankoraŭ kia?
   b) kio devas esti presita (kia teksto) sur ekstera flanko de la kovrilo.
   c) ĉu estas necesa desegnaĵo aŭ ia sentenco sur la unua paĝo de la kovrilo.
   d) kiel estas plej bone eluzi aliajn tri paĝojn de la kovrilo? (Estas dezirinde ricevi specimenojn kaj tekstojn).
   Ĉio konforme al la lernobjekto kaj la aĝo de lernanto,
3. Kiel devas esti liniita la papero en la kajero?
   a) specimeno de liniado konforme al lernobjekto kaj aĝo de lernanto.
   b) ĉu estas necesaj marĝenoj en la kajero, de kia flanko (dekstre au maldekstre), kial?
   c) kiom larĝaj devas esti la marĝenoj? Kiom cm.?
   d) ĉu la marĝenoj devas esti liniitaj same kiel tuta paĝo aŭ ĉu ili devas resti sen linioj?
4. Kia devas esti sorbopapero en la kajero?
   a) dimensioj de la sorbopapero, ĉu samgrandaj kiel la kajero mem aŭ malpli grandaj?
   b) ĉu estas bezona ia presaĵo sur la sorbopapero (desegnoj, bildoj au tekstoj)?
   c) kio estas rekomendinda por lernantoj por ke ili ne perdu sorbopaperon kaj konservu la saman folion ĝis la finuzo de la kajero?

Ni tre deziras scii, kiel estas solvataj ĉe vi la cititaj demandoj konforme al lernobjekto, aĝo de la lernanto kai tipo de lernejo.

Respondi al niaj demandoj vi povus jenmaniere:

1. sendi al ni la specimenojn de kajeroi jam uzitaj de lernantoj aŭ neuzitaj (uzitaj estas preferataj), indikinte en la kajeroj:
   a) por lernantoj de kia aĝo estas destinitaj la kajeroj,
   b) por kia lernobjekto kaj por kiaj laboroj (diktado, solvo de matematikaj taskoj, kopiado de vortoj, ĉe studado de fremdaj lingvoj, desegnaĵoj,, k. t. p.),
   c) en kiaj lernejoj estas uzataj la kajeroj.
2. se por vi estas eble, ni tre deziras, ke vi respondu al niaj suprecititaj demandoj koncerne dimensioj de kajeroj, kovrilo, liniado kaj sorbopapero. Estas ankaŭ tre dezirinde scii vian opinion pri al ni sendataj kajeroj, pri iliaj avantaĝoj kaj mankoj.
3. se vi havas proprajn ideojn, ankoraŭ ne efektivigitajn ĉe vi, ni tre dezirus scii pri ili.

Ni estos tre dankaj al vi, se ni ricevos eĉ nur kelkajn specimenojn kun mallonga klariga teksto.

Kompreneble ni volas recompenci vin pro faritaj klopodoj kaj elspezoj laŭ niaj eblecoj.

Estus tre dezirinde, ke en ĉi tiu laboro povus partopreni viaj kolegoj laŭ laboro kaj samprofesianoj. Se tiuj deziras mem sendi al ni la materialojn kaj konsiderojn, ni tre petas skribi iliajn adresojn plej legeble kaj en kelkaj lokoj (por okazo de difektoj).

Estas ankaŭ tre dezirinde publikigi nian leteron en fakaj pedagogiaj revuoj.

Kun sincera saluto de la grupo de instruistoj de elementa kaj mezlernejo

GORAZEEV VLADIMIRO.

Nia adreso estas: Moskvo 40
Begovaja ulica 2
Strednaja ŝkola 10 - Pedkabineto.

# Instruado de la Paco.

**(elĉerpita de la raporto prezentita ĉe la Kongreso de F.I.A.I. en Oxford, 12—14an de Aŭgusto 1935.)**

Sinjoro Gilbert MURRAY, Profesoro ĉe la Universitato de Oxford, prezidanto de la Internacia Komisiono de Intelekta Kooperado, diris :

„Eble ne ekzistas pli grava danĝero por la estonta feliĉo de Eŭropo ol la nova kaj bedaurindega orientado donita al la instruado en kelkaj landoj.

En 1926, dum almenaŭ tri sinsekvaj kunsidaj periodoj la kunvenantaro de la Ligo de Nacioj konsentis unuanime, ke la junaj generacioj devas esti iniciataj al la metodoj pri la Paco kaj Kooperado.

La Membroj de la Ligo de Nacioj promesis elekti taŭgajn rimedojn por ke, en lernejoj, la geknaboj ricevu unue" la instruado pri la agado kaj la celoj de la Ligo de Nacioj", kaj due : „por ke ili estu alkondukitaj per la edukado konsideri internacian kooperadon kiel normalan metodon por direkti la tutmondajn aferojn". Nu, sajnas, ke, en kelkaj landoj, tiu promeso neniel estas plenumita, kaj, ke la instruado estas orientita en kontraŭa direkto, Do mi konstatas, tiel ĉe la Komisiono de Intelekta Kooperado kiel ĉe la Kunvenantaro de la Ligo de Nacioj, kompreneblan heziton insisti pri la eduka programo. Kaj tamen, ĉu la pacaj kaj bonvolemaj fortoj kontentiĝos cedi kaj akcepti malvenkon ?

Estas nerefuteble ke, en la plimultaj landoj, aperas reala deziro daŭrigi aŭ plivastigi la instrumetodon konsideritan de la Kunvenantaro en ĝia rezolucio de 1926. Tamen, kelkaj malfacilaĵoj malhelpas al tio. Unue, nur en kelkaj landoj la estraro ellaboris la teknikajn metodojn por tiu instruado : oni pensas pri Britujo kaj Francujo kaj ankau pri Prusujo, kiam Dro. Becker estis Ministro por Lernado...

Iom da malkuraĝiĝo oni konstatas ĉe la Nacioj kiuj, ĝis nun, fidis à la paca edukado, sed kiuj, vidante tiom da siaj najbaroj eduki malkaŝe ilian junularon en la kulto de la milito kaj de la malamo, inklinas nun forlasi siajn pacajn metodojn kaj kontraŭstari militarismon al militarismo . . .

La danĝero, kiu minacas nin, estas reala : ĝi estas grava. Oni povas rezisti, sed, se la junaj generacioj alkutimiĝas malŝati la objektivan verecon, persekuti tiujn, kiuj estas sub ilia povo, prezenti kiel kulton, sian egoismon, kaj konsideri siajn najbarojn kiel malamikojn, la pereo estas preskaŭ certa. Tamen tiu pereo ne estos kaŭzita de la okazintaĵoj kaj ankoraŭ malpli de la fatalo sed nur de la homa maldiligenteco kaj frenezo. La pacaj fortoj estas multege pli potencaj ol la malbonaj, kondiĉe ke la homoj fidas unuj la aliajn, kaj ke ili scias ekzakte tion, kion ili volas.

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.